# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
8-a jaro N-ro 2 (29) Julio 2009



Novaĵo

## Speciala ekspozicio en la Esperanto-urbo

Ĉirkaŭ 400 partoprenintoj el 27 landoj ĝuis en Herzberg, la Esperanto-urbo, la 8-an Eŭropan Esperanto-Kongreson kaj la 86-an Germanan Esperanto-Kongreson okazintajn inter la 28-a de majo kaj la 3-a de junio 2009. Interkultura Centro Herzberg organizis por bonvenigi la du kongresojn ekspozicion pri la historio kaj nuntempa uzo de







Esperanto, kiel ekzemple la kunlaboro inter Herzberg kaj la ĝemelurbo Góra, en la kastelo de Herzberg. La urbestro Gerhard WALTER inaŭguris la ekspozicion en la ĉeesto de lokaj politikistoj kaj s-ro BÖTEL, direktoro de la regiona gimnazio, la kongresejo. Germanlingva artikolo aperis en la regiona gazeto Harz Kurier.

## Tamen sukcesa kvankam nerealigebla

La 57-a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo okazis inter la 6-a kaj 7-a de junio 2009 en Takatsuki en Japanio. Antaŭ unu jaro Esperanto-Societo en Takatsuki (EST) faris decidon inviti samideanojn de sia ĉina ĝemelurbo Changzhou al tiu ĉi kongreso kaj pria prelego estis aranĝita kiel unu el la ĉefaj kongresaj programeroj, sed pro novtipa gripo en Japanio tiu decido estis nerealigebla. La gripo povis bari ĉeeston de samideanoj el la ĝemelurbo, sed ne povis bari kuraĝon de tieaj esperantistoj kaj sukcesan okazon de la kongreso kun 211 aliĝintoj, inkluzive de la moralaj. Ĝi plene finiĝis per la riĉaj kaj atentokaptaj enhavoj, ekz. ekskurso, fakkunsidoj, lecionoj, prelegoj, konkurso, prezentado de artaĵoj. Dum la kongreso estis ekspoziciitaj gratulaj leteroj ekz. el la komisiito, LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio en Ĉinio) ktp. Post la kongreso s-ro UKITA Masaharu, prezidanto de EST, sendis la kongresajn materialojn al la komisiito, samideanoj de Changzhou kaj LEA.



## BAZARO, la adiaŭa




**BAZARO estas trimonata Esperantolingva revuo de Asocio de Esperanto CLUJ, Rumanio. Ĝi estas kompleksa revuo pri diversaj temoj inkluzive de Esperanto-movado. Sciinte starigon de la projekto Ĝemelaj Urboj kaj la reta bulteno "Informilo de Ĝemelaj Urboj" la asocio sendis al komisiito ekzempleron de ĉiu numero ekde 2003. En la revuo ofte aperas artikoloj aŭ informoj pri ĝemelaj urboj. Nia bulteno porekzemple citis informon "Invito al Ĝemelurba Renkontiĝo por 2005 Internacia Simpozio", raporton "Germanaj esperantistoj vizitis la urbon Gherla" ktp. sed BAZARO adiaŭos nin per la 50-a numero pro konsidero de s-ino SIGMOND Júlia, la redaktoro, al sia altaĝo: 80 jaroj! Mi povas kompreni ŝian decidon, kaj admiras ŝiajn energian laboron kaj senlacan penadon por la Esperanto-afero. Mi kredas, ke en estonteco iu agemulo transprenos la stafetbastonon de BAZARO kaj reaperigos ĉi-bultenon antaŭ ni.---***la redaktoro*

## Kondolenco al Giorgio BRONZETTI

**La 14-an de januaro 2009 s-ro Giorgio Bronzetti, leganto de nia bulteno, forpasis en Chieti, Italio. En la sekvanta tago la komisiito pere de la listo <uea-membroj> ĉe Yahoogroups.com esprimis tristan kondolencon al lia forpaso. S-ro Giorgio Bronzetti estis delegito kaj fakdelegito de UEA, kaj la aranĝinto de IJK en L'Aquila.**

## Reagoj al la projekto

**1.Trevor Steele el Aŭstralio: Kara Wu Guojiang, ankaŭ mi ne estos en Roterdamo (por ni sudhemisferuloj estas malfacile vojaĝi en julio-aŭgusto) kaj do mi ne povos partopreni en la kunsido de Ĝemelaj Urboj. Sed mi volas gratuli vin pro via modela laboro por tiu organizeto. Se ĉiuj el niaj grupoj funkcius same bone, ni vidus pli da progreso en nia movado!**
**2. Yves Eeckhout el Belgio: Estimata sinjoro Wu Guojiang, dankon pro via mesaĝo kaj la du bultenoj, kiujn mi legeble ricevis sur mia "Apple-i-Mac"-komputilo.**
**3. Antonio Felix da Silva el Brazilo: Kara s-ro Wu Guojiang. Saluton! Mi gratulas vin pro la bela kaj nova numero de Ĝemelaj Urboj.**
**4. Robinson Mattos el Brazilo: Altestimata Guojiang Wu, korajn salutojn! Dezirante pligrandigon kaj plibonigon de la projekto de ĝemelaj urboj.Ame daŭrigu tiun gravan laboron.**
**5. Henrique Solon Knoedt el Brazilo: Antaŭen Wu Guojiang! Por ke viaj sendaĵoj estu ankoraŭ pli interesaj, mi proponas ke vi emmetu kuriozaĵojn pri Ĉinio en viajn leterojn, ekzemple, pri ideogramoj, pri kutimoj, moroj, ktp.**

**6. Antoaneta Nikolaeva el Bulgario: Dankon por la nova bulteno. Ĉiuj viaj informiloj ĉiam enhavas interesan informon, refojan dankon!**
**7. Mariana Evlogieva el Bulgario: Koran dankon. Mi deziras al vi sukceson en via agado!**
**8. Athanase Namutema Wabasobe el Burundo: Mi ricevas vian mesaĝon kaj ĝi plezurigas min. Mi bezonas ricevi vian bultenon.Aliajn informojn mi povos poste.**
**9. Elizabet Barbay el Francio: Koran dankon pro la interesa informilo. Mi esperas iam rilati kun esperantistoj en la urboj ĝemelitaj kun la mia, por montri ke la lingvo povus pliriĉigi la interŝanĝojn.**
**10. Lin Leming el Ĉinio: Estimata sinjoro Wu Guojiang, Dankon al vi pro N-ro. 27 Informilo de Ĝemelaj Urboj.**
**11. Li Sen el Ĉinio: Kara amiko, Dankon por via mesaĝo. Poste kiam mi ĝin bone lernas mi kontaktos kun vi. Mia bona amiko. Kaj mi volas havi vian adreson kaj poŝte mi eble sendos al vi materialon.**
**12. Reza Kheirkhah el Irano/ Tajvano en Ĉinio: Koran dankon pro via senlaca laboro pri tiu grava projekto.**
**13. Pjer Buvje el Francio: Koran dankon al vi kaj al via ĝemeligada laboro mi bondeziras sukceson. Ni antaŭvidas partoprenon al U.K. en Bjalistoko kaj okaze de la vojaĝo ni renkontos ĝemelurbanojn, mi sendos al vi artikolon.**
**14. Daniel Pérard el Francio: Gratulojn pri via taŭga laboro. Kaj sincerajn bondezirojn al vi kaj al via familianoj.**
**15. Claude Longue-Epée el Francio: Estimata samideano, Mi bone ricevis la informilojn almetitajn kun via ĉi-suba retaĵo. Mi multe dankas al vi. Mi ankaŭ taŭge ricevis vian leteron al S-ino Martine Filleul, vicurbestrino de Lille. Mi transsendis ĝin al ŝi, kun letero en kiu mi petas rendevuon por pridiskuti la diversajn agadojn, kiujn povos fari kune la E-grupo kaj la urbodomo de Lille, kadre de rilatoj kun Ĝemelaj Urboj (kaj de diskonigo de Esperanto).**
**16. Alicja kaj H. D. Quednau Lewanderska el Germanio: Gratulon! Mi esperas, ke ni renkontiĝos en Herzberg kaj estos tempo por amika priparolado.**
**17. Roland Schnell el Germanio: Kara amiko, Koran dankon por la Informilo. Mi rimarkis, kiam mi redaktis kelkajn urbojn en vikipedio, ke la mencio de ĝemelurboj estas ne kompleta. Mi deziras instigi la samideanojn, kiuj okupiĝas pri ĝemelurba agado, ke ili minimume zorgu, ke la propra urbo kun la ĝemelurboj estas laŭorde registrita en Vikipedio. Kompreneble estus plia servo, se oni aldonus la informojn ankaŭ por la ĝemelurboj. Kutime oni povas facile transpreni pretajn la informoj el nacilingva versio kaj nur devas iomete esperantigi. Certe eblas aldoni kelkajn frazojn pri ĝemelurbaj aktivecoj, nome reciprokaj vizitoj. Modele ĉe la franca urbo Rennes, sed bedaŭrinde ne en ĉiuj ĝemelurboj.http://eo.wikipedia.org/wiki/Rennes**
**18. Armin Grötzner el Germanio: Tre estimata sinjoro Wu, mi dankas al Vi, ke ankaŭ mi - kaj per mi nia malgranda Eo-grupeto - ricevis Vian informon. Certe estas por Vi interese, ke nia urbo Kronach havas jam multajn jarojn ĝemelo-kontaktojn al Hennebont kiu situas en la Bretonio (norda Francio) ĉe la Atlantika marbordo, nia urbeto en la nordo de la germana federacia lando Bavario. La kontaktoj komencis pere de la du Eo-grupoj, sed nun estas ĉefe uzataj de du establiĝintaj "komitatoj", kiuj ĉiujare organizas reciprokajn vizititojn.**

**19. Árpád Máthé el Hungario: Estimata Sinjoro Redaktoro, elkoran gratulon pro la bona redaktado de "Informilo de Ĝemelaj Urboj". Scivoleme mi atendas la sekvajn n-rojn.**
**20. Mario Amadei el Italio: Nome de Bolonja E-grupo kaj mi persone, tutkore kaj varme vin salutas kaj bondeziras prosperan kaj plensukcesan laboron.**
**21. Luigia Madella el Italio: Estimata s-ro Wu Guojiang, dankon pro la informiloj de Ĝemelaj urboj n-ro 25 kaj n-ro 26. Kun granda intereso mi legis ilin. Bonan laboron kaj agrablajn tagojn al vi kaj al viaj kunlaborantoj!**
**22. HOŜIDA Acuŝi el Japanio: Estimata samideano Wu Guojiang, Dankante vin pro via detala informado pri ĝemalaj urboj. Mi dankas vin, ke vi menciis la ĝemelan rilaton inter Qinhuangdao kaj Tomakomai. Feliĉe mi havis ŝancon renkonti S-ron Zhang Shengmao. Sed tio estas nur komenco de nia afero inter ĝemelaj urboj. Ĝi bezonas daŭri kaj evoluiĝi**
**23. Julius Kirwa el Kenio: Estimata, kiel vi fartas? Dankon al mesaĝo kiun mi ricevis. Bonvenos ideo pri ĝemelaj urboj. Mi sendos ĝin al la homoj de du urboj.**
**24. MA Youngtae el Koreio: Gratulon por via sukcesa laboro kaj esperoplena projekto!**
**25. Song Ho-young el Koreio: Estimata samideano Guojiang Wu, Mi vere ĝuis informiĝi pri la valora agado. Mi jam okupiĝas pri diversaj taskoj en junulara movado. Tial mi ne povas rekte enviciĝi en vian agadon pro tiucele abundaj taskoj. Tamen mi simpatias al la neceso de la agado. Bv. sendu ankaŭ al mi pli da informoj poste. Iel mi povos utiligi ilin en la Esperanto-movado.**
**26. Maritza Gutierrez el Kubo: nia esperanto-redakcio bonorde ricevis vian informilon n-ro 27 kaj tre dankas pro via sendado. Ni profitas por bondeziri al vi en la nova jaro kaj inviti vin daŭre sendi al nia redakcio viajn informilojn pri tiu ĉi interesa fako. Kun estimo kaj nome de nia radio-teamo.**
**27. Aloyce Magari el Komoroj: Dankon kara, jes, ĉi tio estas unuafoje por mi ricevi ĝin, sed ĝi tre interesas min, do, vi povas sendi al mi plimulte.**
**28. Leendert Hordijk el Nederlando: Estimataj amikoj, pere de svedaj esperantistoj mi ricevis vian mesaĝon pri Informilo de Ĝemelaj Urboj. Mi estas maljuna esperantisto tamen pri via lando mi tre interesiĝas. Estas eble reciproke.**
**29. Alfonso Pijnacker el Nederlando: Estimata, Dankon pro via mesaĝo. La informilojn 25 kaj 26 mi ricevis en bonaj ordoj. Mi ŝatas ricevi ilin kaj ĉiam transdonas kopiojn al aliaj estraranoj kaj kontaktpersonoj.**
**30. Boukari Illiassou el Niĝero: Bonan tagon, kara WU Guojiang. Dankon pro via mesaĝo. Frateco kaj amikeco estas mia unua zorgo.**
**31. Esperanto Klubo de Gora el Pollando: Tutkoran dankon. Ni tre ĝojas, ke nia urbopartnereco estas konata en la tuta mondo.**
**32. A. Pettyn el Pollando: Dankon pro la bultenoj! Tiamaniere mi estas informita, eble naskiĝos iam ĝemeliĝo de Kjia kun iu eŭropa urbo.**
**33. Barbara Pietrzak el Pollando: Dankon pro la memoro kaj sendita la 27-a numero de Ĝemelaj Urboj. Ĝojplenajn jarfinajan festojn kaj ĉiel prosperan 2009.**
**34. Luis Ladeira el Portugalio:Dankon, estimata Guojiang Wu, pro via interesa laboro.**
**35. Julia Sigmond el Rumanio: Kara amiko, mi nur gratuli povas al via persisto.**
**36. Mikaelo Bronŝtejn el Rusio: Estimata Wu Guojiang, mi ricevis novan**

**Informilon kaj prezentis ĝin al la klubanoj. Dankon por via bona laboro.**
**37. Julio Lupickij el Ukrainio: Estimata sinjoro Wu Guojiang, Dankon pro n-ro 25 kaj n-ro 26 Informilo de Ĝemelaj Urboj. Se eblos, b.v. plu sendi.**
**38. Bhasker Gunaseelan el Unuiĝintaj Arabaj Emirlandoj/Hinda Unio: Kara sinjoro Wu Guojiang. Saluton, kaj multan dankon pro via informo. Mi tre ŝatas tiajn informojn, bonvole sendu min la informojn kaj la bultenon.**

## Inter ĝemelaj urboj

### Konsidero el ŝanĝurboj al ĝemelaj urboj

**Pasintan merkredon (la 25-a de februaro 2009) mi kaj mia edzo, Alan, ĉeestis kunvenon de lokanoj kiuj urĝe kunlaboras por kuraĝigi la urban, provincan kaj ŝtatan registarojn atenti kaj serioze pritrakti la klimatan ŝanĝiĝon kaj la bezonon ĉesigi la uzadon de petrolo pro la kosto. La fondinto estas brito, Rob Hopkins, el Totnes en sudokcidenta Anglio. Ĉe Youtube trovata per Google - transition towns - oni trovos lian prelegon (en la angla). Mi kredas ke kunlaborado per Esperanto estus mirinde efika. Per Esperanto eble oni povos kontakti komunumojn de ĝemelurboj por interŝanĝi ideojn, planojn, konsilojn ktp.**

**Ĝis nun 'ŝanĝurboj' troviĝas en Britio, Germanio (Berlino), Kanado, Nederlando, Italio, Ĉilio, Usono, Nov-Zelando. Ĉu valoros fondi 'ŝanĝurban fakan asocion'? Se jam ekzistas tia Esperanto-retejo, mi petas vin informi min <Jenny.Bishop@Education.monash.edu.au>. Eble plej bone estus komenci per kunlaborado inter ĝemelurboj kie jam ekzistas kontakto per Esperanto. Laŭ mia opinio la temo tre gravas al la homaro.**--*Jennifer and Alan Bishop*

### Propono al pozitiva kunlaboro

**La fakto estas, ke la ĝemeliĝo inter urboj povas okazi aŭ per memstaraj interkonsentoj inter municipoj, aŭ enkadre de iu federa organizo (Monda Federacio de Unuiĝintaj Civitoj, aŭ alia). Ĉiu "federa" organizo havas siajn proprajn politikajn celojn, en rilato kun U.N. aŭ ne, ktp.**

**Pro neŭtraleco de U.E.A., mi supozas, ke Ĝemelaj Urboj povas konsenti kunlabori en ĉiuj kazoj, nur serĉante la antaŭenpuŝon de Esperanto kiel komunikilo inter urboj. Mi informas vin, ke la Administra Konsilantaro de Registrolibro de Mondcivitanoj ĵus fondis la Konsilion de Tutmondaj Urboj kaj Komunumoj. Vidu la paĝon : http://www.recim.org/dem/conseil-eo.htm Inter la celoj de tiu Konsilio estos ia ĝemeligo de urboj kaj komunumoj, kiuj jam subskribis la tutmondiĝan ĉarton, laŭ la dua alineo de la charto : http://www.recim.org/dem/tutmondigxoj.htm Ni tre varmkore akceptus reprezentanton de Ĝemelaj Urboj al pozitiva kunlaborado. ---** *Daniel Durand*

### Gratula letero de la komisiito

**Estimataj KLEG kaj EST,**

**En la venonta monato la 57-a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo solene okazos en Takatsuki. Mi sciis, ke la sama kongreso kelkfoje okazis en Takatsuki. Tio ne nur montras ke nia movado estis vivanta en la regiono Kansajo, sed ankaŭ pruvas, ke EST (Esperanto-Societo en Takatsuki) kaj siaj membroj estis longe**

**klopodanta por progreso de la Esperanto-afero.**

**Nun mi skribas tiun ĉi leteron ne nur pro tio, ke mi vizitis Takatsuki kaj ĝuis entuziasman akcepton kaj detalan zorgon de EST kaj tieaj samideanoj, ankaŭ ne nur pro tio, ke mi tenas kontakton kaj interŝanĝon kaj havas profundan amikecon kun tieaj samideanoj, sed pro tio, ke EST longe dediĉas sin por apliko de Esperanto, precipe por la agado de ĝemelaj urboj, de la forpasintaj s-ro Takeuti Yosikazu kaj sia edzino Takeuti Tomiko, kiuj malfermis pordon de ĝemelaj urboj Takatsuki kaj la ĉina urbo Changzhou en 1987, al partoprenigo de samideanoj de Changzhou en la sama kongreso en 1988; de invito de Jean A. Lehane, prezidantino de Esperanto-Societo en la aŭstralia ĝemelurbo Toowoomba, al la sama okazo en 1997, al mi, kiel komisiito de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj, gastigita post la 92-a UK en 2007, ĝis la decido: plue inviti samideanojn de Changzhou al la ĉi-jara sama aktivado. EST estas bona ekzemplo tiurilate. Povas diri, ke EST kaj tieaj samideanoj verkis brilan paĝon por la monda Esperanto-movado, ankaŭ por la agado de ĝemelaj urboj de UEA.**

**La Esperanto-movado en Kansajo havas gloran historion. La laboroj de Kansaja Ligo de Esperanto-grupoj (KLEG) estas elstaraj. La eldonkvanto de la Movado, organo fondita en 1951, jam atingis ĉirkaŭ 800, la membroj superis pli ol 300 kaj 17 grupoj aliĝis al KLEG.. Ĝi havas bonan labor-sistemon, ekz. regule kunvenas, ĉiujare organizas kaj kongreson de esperantistoj en la regiono Kansajo, kaj intensivan kursaron nomatan Friska Lernejo en somero, kaj havas la eldonan fakon je la nomo de Japana Esperanta Librokooperativo. Estas tiuj ĉi eminentaj laboroj kiuj kreis bonan medion por evoluo kaj progreso de la Esperanto-movado en tiu regiono. Mi kredas, ke KLEG ankaŭ povu ludi aktivan rolon en la agado de ĝemelaj urboj kaj fari novan kaj gravan kontribuon al ĝi en la estonteco.**




**Okaze de la 57-a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo mi en la nomo de la komisiito de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj kore gratulas KLEG kaj EST, elkore salutas la kongresanojn kaj bondeziras al la kongreso plenan sukceson.**

# Funkciuloj de la projekto

S-ro Probal DASGUPTA , prezidanto de UEA
S-ro HORI Jasuo, estrarano de UEA pri landa kaj regiona agado
S-ro Osmo BULLER, ĝenerala direktoro de la Centra Oficejo de UEA
S-ro WU Guojiang, la komisiito de la projekto

## Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj

Redaktoro: s-ro Wu Guojiang, Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo, CN-113008, Fushun Liaoning Ĉinio; Telefono kaj Fakso:+86-413-2650322; Retadresoj: ghemelurboj@yahoo.com.cn amikeco999@21cn.com
Provlego: s-ro Robert BOGENSCHNEIDER, retadreso: robog@gmx.de